Jaro 19-a Aprilo 1967 N-ro 3



# LA INTERNACIA FERVOJISTO

ORGANO DE **I.F.E.F.**

LA INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO FEDERACIO

Sekretario: J. POPTIE, Poŝtfako 2204, Utrecht, Nederlando
Redaktoro: E. BURGLER, Sportstraat 62, Amsterdam-Zuid
Konto: Algemene Bank Nederland, Amsterdam, No 30.36281

## La reloj ligas la landojn - Esperanto la popolojn






# 19a KONGRESO DE LA INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-FEDERACIO (IFEF)

**en Fulda (Germanio)**
**de sabato, la 6a de majo**
**ĝis vendredo, la 12a de majo 1967**

sub la honora prezidanteco de

s-ro d-ro Schlesser,
prezidanto de la Federacio Internacia de Fervojistaj Asocioj Artaj kaj Kulturaj (FISAIC),

s-roj d-ro Oeftering, d-ro Geitmann, Koch kaj Stukenberg,
prezidantaro de la Germana Federacia Fervojo (DB),

s-ro d-ro Dregger,
ĉefurbestro de Fulda,

s-ro Kalb
prezidanto de la fervoja direkcio Kassel.

**Adreso de LKK**

19a IFEF-Kongreso, poŝtfako 70 0746, D-6 Frankfurt (Main) 70, Germanio. Volu nepre distingi inter la sekvaj adresoj!

**Adreso de l'kongreso**

*(valida ne antaŭ la 6a de majo kaj nur dum la kongressemajno)*

19a IFEF-Kongreso, Orangerie, D-64 Fulda, Germanio.

**Banko**

Eisenbahn- Spar- und Darlehnskasse Frankfurt (Main), kontonumero 40 051.

**Poŝtĉekkonto**

Eisenbahn-Spar- und Darlehnskasse Frankfurt (Main), kontonumero 56908 Postscheckamt Frankfurt (Main), zugunsten kontonumero 40 051.

*Nia titolpaĝo montras la Palacon „Fasanerie" apud Fulda. Sur la fono videbliĝas la Rhön-montaro, unu el la ekskursceloj dum nia 19a kongreso.*

**Kongreskotizo**

38,— GM; por pensiuloj, edzinoj kaj junuloj (malpli ol 19 jaraj) 19,— GM. Aliĝoj alvenontaj post la 20a de aprilo ne plu estos traktataj.

**Simbola aliĝo**

Por personoj, kiuj ne povos partopreni la kongreson, eblas aliĝi kiel simpatiuloj. Post aliĝo ili tuj ricevos 25 glumarkojn, post la kongreso la kongreslibron kaj la kongresinsignon. Minimuma kotizo: 8,— GM.

**Statistiko**

Aŭstrio 5, Belgio 1, Britio 3, Bulgario 5, Ĉeĥoslovakio 3, Danlando 3, Francio 41, Germanio 76, Hispanio 16, Hungario 6, Italio 5, Jugoslavio 3, Nederlando 19, Norvegio 4, Pollando 1, Svedio 5, Svislando 11, USA 1, simbolaj aliĝoj 4. Sumo: 212 (ĝis 15a de februaro).

**Glumarkoj**

La dukoloraj glumarkoj montras la kongresejon. Vidu la bildon en LIF. Unu folio (25 glumarkoj) kostas 1,— GM plus 20 pfenigojn por sendkostoj aŭ entute tri internaciajn respondkuponojn. Bonvolu mendi ĉe LKK.

**Kongreskarto**

LKK forsendas la kongreskarton post valida aliĝo.

**Kongreslibro**

La aliĝontoj ricevos la kongreslibron *laŭeble* en aprilo. Kongresanoj, kies aliĝo atingos LKK post la 31a de marto, ricevos la kongreslibron nur en Fulda mem.

**Loĝiga servo**

La limigita nombro de litoj en la amasloĝejo elĉerpiĝis. Ni petas ne plu mendi tiun tranoktejon.

**Bankedo**
LKK invitas eminentajn personojn el la fervoja fako kaj el la publika vivo partopreni la bankedon. Ĝi okazos en aparta, digna kadro.

**Esperanto-stratoj**
La anoncitaj inaŭguroj de Esperanto-strato en Fulda kaj Hilders (Rhön) okazos la 8an kaj 12an de majo. La precizan tempon indikos la oficiala kongresprogramo.

**Filatelio**
La specialkoverto kun trikolora kongresemblemo estos havebla kun aŭ sen poŝtmarko. Pro tio la vendoprezo sen marko kaj stampo estos 40 pfenigoj. Peranto: s-ro Werner Heimlich, Fröbelstr. 4, D-304 Soltau (Han), Germanio. Lia poŝtĉekkonto en Hannover estas 1650 42.

**Teatra vespero**
La unuan fojon en IFEF-kongreso vi havos okazon vidi kompletan teatraĵon altnivelan. LKK esperas liveri al vi specialan frandaĵon. Vidu ankaŭ la apartan artikolon en tiu ĉi eldono.

**Fakliteraturo**
Novaperos la 50 paĝa traduko de la „Internacia Konvencio pri la Fervoja Pasaĝer- kaj Pakaĵtrafiko (CIV)". Vendado en la kongresejo. Prezo: 2,50 GM. Konvena rimedo por demonstri la taŭgecon de Esperanto en fakaj medioj.

**Ekspozicio**
En la ekspozicio pri Fervojo kaj Esperanto vid-al-vide de la kongresejo estos prezentataj apud multaj interesaĵoj funkcianta modelfervojo, kolekto de Esperanto-poŝtmarkoj kaj folkloraj pupoj el multaj landoj.

**Kongresa programo**
En la kongreslibro troviĝos nur provizora programo. La oficiala programo estos disdonata en Fulda kun la ceteraj dokumentoj. La ĉi-suba programo entenas ĉiujn ĝis nun fiksitajn aranĝojn.

**Vendredon, 5an de majo**
11.00 Inaŭguro de la ekspozicio. Gazetara konferenco.
18.00 Akceptejo malfermata.

**Sabaton, 6an de majo**
15.00 Lingvaj ekzamenoj, skriba parto.
17.00 Kunsido de IFEF-estraro kaj LKK.
20.00 Interkona vespero kun dancado

**Dimanĉon, 7an de majo**
8.00 Diservoj.
9.30 Solena malfermo.
12.30 Komuna fotografado.
14.30 Lingvaj ekzamenoj, buŝa parto.
15.00 Speciala porjunulara aranĝo.
16.00 Bankedo.
19.30 Teatra vespero.

**Lundon, 8an de majo**
8.00—9.45 Unua komitatkunsido.
10.00 Inaŭguro de Esperanto-strato en Fulda.
13.30—18.30 Dua komitatkunsido.
14.00 Vizito al lokaj entreprenoj.
20.00 Balo.

**Mardon, 9an de majo**
8.30—11.00 Tria komitatkunsido.
14.30—16.00 Kunsidoj de la fakprelega kaj terminara komisionoj krome de la junularo.
14.00 Ekskurso al la eksterurba palaco Fasanerie. Por la partoprenintoj de la kunsidoj trafikos apartaj aŭtobusoj, je 16.15.
20.00 Film- kaj prelegvespero (unua fakprelego).

**Merkredon, 10an de majo**
7.30 Tuttaga trajnekskurso al la bavaraj urbetoj Rothenburg ob der Tauber kaj Uffenheim. En ĉiu urbo okazos aparta programo. Reveno: ĉ. 22.30 h.

**Ĵaŭdon, 11an de majo**
8.30—13.00 Laborkunsido (plenkunsido).
9.00 Ekskurso por virinoj.
14.30 Dua fakprelego.
17.00 Futbalmaĉo de la IFEF-junularo kontraŭ loka taĉmento.
20.00 Distra vespero kun dancado kune kun la lokaj kulturgrupoj fervojistaj.

**Vendredon, 12an de majo**
8.30 Aŭtobusekskurso tra la Rhönmontaro. Inaŭguro de Esperanto-strato en Hilders (Rhön).
17.00 Fermo de la kongreso en la kongresejo.

**Teatra Vespero**

La teatraĵo, kiun vi vidos en Fulda, dimanĉon, la 6an de majo, havis en la jaroj 1958/59 la plej oftajn surscenejajn prezentadojn en Germanio. En statistiko oni povas legi, ke dum tiu teatra sezono la satira komedio

„Ĉu vi konas la laktovojon?"

estis la plej sukcesa en Germanio kaj atingis proksimume 1200 prezentadojn sur pli ol 40 scenejoj. Aperis tradukoj i.a. en la angla, franca, itala, nederlanda, turka kaj skandinaviaj lingvoj kaj eĉ en Esperanto en la jaro 1958. Espereble tiu traduko, kiun prizorgis Gernot Ritterspach, baldaŭ aperos kun aliaj teatraĵoj en la STAFETO-serio.

La germana aŭtoro estas la hodiaŭ 45 jara d-ro Karl Wittlinger. Li studis en Freiburg post la dua mondmilito filologion kaj kiam li post kelkaj studjaroj, pasigitaj en ekstrema ŝparemo, doktoriĝis — kion li faris? Li fariĝis dom-mastro en scienca instituto, riparis lampojn kaj prizorgis la centralhejtan instalaĵon — kaj verkis teatraĵojn! Hodiaŭ Wittlinger estas trans la limojn de Germanio konata aŭtoro, kiu ne nur skribas por teatroj kaj precipe por la televido, sed kiu ankaŭ reĝisoras siajn proprajn verkojn.

La komedio „Ĉu vi konas la laktovojon?" fakte ne estas ridiga spektaklo, sed profunda problemverko. Nur du aktoroj estas necesaj por ludi la historion de laŭdire militmortinta soldato, kiu servis en alilandula legio kaj post jaroj — spite de mortdeklaro — revenas en sian gepatran vilaĝon. Kion li spertas tie, kiel li batalas kontraŭ potenca necedema burokrateco kaj fine sin retrovas en frenezulejo, tion vi vidos dum la teatra vespero.

La LKK de la 19a IFEF-kongreso kuraĝe iniciatis unuafoje kompletan teatroprezentadon kiel kulturan programeron. Tiu risko baziĝas sur la grandanima sintenado de niaj francaj amikoj Jean Thierry kaj Michel Audibert kiuj dum tuta jaro studis siajn rolojn, subtenataj de nia estimata, kara sinjorino Ballaven, la bona spirito malantaŭ la kulisoj.



*15.12.1859—14.4.1917*

## LA MAJSTRO MORTIS

*Ne estis mi tie,*
*preĝante plorpie,*
*katenis min sklave Siberio.*
*La famon ne brue,*
*nur poste, malfrue,*
*simile al eĥo de mortkrio*
*mallonga sciigo alportis:*
*„La Majstro mortis!"*

*Sed scias mi sente,*
*ke oni sensente*
*plezurojn pelante babiladis,*
*eĉ kiam plorante*
*la ĉerkon portante*
*amaso funebra trapaŝadis.*
*Mallonga sciigo alportis:*
*„La Majstro mortis!"*

*Por ili, jen homo*
*eĉ malpli — nur nomo*
*sin kaŝis por ĉiam en la ĉerko. .*
*Por ni funebrantoj,*
*por pacbatalantoj,*
*ĝi ĝardis kreinton de mondverko.*
*Mallonga sciigo alportis:*
*„La Majstro mortis!"*

Julio Baghy

**Lasta peto**

La 19a IFEF-kongreso en Fulda evidente altiros la atenton de la loĝantaro. Kelkfoje jam la lokaj gazetoj favore raportis. LKK instalis informservon, kiu de tempo al tempo provizos la gazetaron per novaĵoj pri la kongreso. Tio signifas, ke la ekstera aspekto kaj la lingva impreso nepre devas konformi al la graveco de tiu evento kaj eĉ superi la imagojn de la publiko.

LKK apelacias al via komprenemo speciale petante, ke je certaj okazaĵoj la kongresanoj portu respektivajn decajn vestaĵojn, ekzemple dum interkona vespero, diservoj, inaŭguro, malfermo, bankedo, teatra vespero, balo, distra vespero.

**Nia devizo: Esperantistoj estas modernaj homoj de l' 20a jarcento!**

## Tricentjara fervojlinio en Britio

(Artikolo de A. Ederer en Železničář n-ro 11/66, trad. -eto)

Inter la brita historiistaro ne estas ankoraŭ tute klare, kie do en Britio estis konstruita la unua vojo por trakveturiloj.
Temus nome pri kromordinare signifa kaj unuavice tre malnova trafikmemoraĵo, kiu gvidas nin ĝis ien en la 16-an jarcenton, en la tempon de granda disvastiĝo de karbominado en norda Britio. Dume tamen estis absolute pruvite, ke ĝis hodiaŭ ekzistas nekredeble malnova linio, kiu — kompreneble post diversaj ŝanĝkonstruoj (lignaj reloj estis pliperfektigitaj per zonferaĵoj, en la jaro 1767 ili fine estis anstataŭigitaj per feraj reloj ktp.) servas jam dum 300 jaroj seninterrompe al la karbotransportado. Temas pri parto de la branĉlinio de Tanfield inter Norwood kaj Fugar Bank en la graflando de Durhan, parto, kiun reprezentas la nuna linio de la Londona Nordorienta Fervojo kaj uzata sendube jam de post la jaro 1761.
Per la historio de tiu ĉi malnova fervojlinio okupas sin en ampleksa studaĵo Charles E. Lee, signifoplena fervojhistoriisto kaj gvida funkciulo de „Railway Gazette", revuo bone konata. La verkaĵo nomiĝas: „The World's Oldest Railway" (La plej malnova fervojo de la mondo) kaj ĝi estis prelegata antaŭ jaroj en la londona instituto de civilinĝenieroj. La aŭtoro de la studverko mencias, ke jam en la unuaj jardekoj de la 17a jarcento trakveturiloj estis ekfunkciigataj por transportado de karbo el la minejoj de graflando Durhan. Unu el la dokumentoj, kiu atestas tiun ĉi fakton, mencias, ke inter la jaroj 1632-1649 en norda Britio estis sternitaj lignoreloj kaj ŝpaloj por karbovojoj. La ĝenerala tradicio tamen rakontas pri ankoraŭ pli malnovaj trakinstalaĵoj. La historiisto Lee citas plue alian, multe pli interesan dokumenton de la 10.7.1628, kiu atestas ne nur la konsiderindan evoluon de trakvojoj en Britio de la tiama tempo, sed entenas ankaŭ vere surprizigan proponon. En tiu ĉi dokumento de la jaro 1628 oni nome instigas la tiaman anglan reĝon Karolon I-an, ke li fariĝu la sola posedanto de privataj karbominejoj kaj de la al ili apartenantaj „specialaj transportiloj", do de la karbotrakvojoj. La historiisto Lee konsideras tiun ĉi proponon siaspece la unua kaj plej malnova instigo, per kiu estis esprimita en Britio la ideo de „naciigo" (aŭ ŝtatigo) de minejoj kaj de la trafiko, ideo, kiu estis efektivigita nur la 1.1.1938 en tuta Britio.
La plua enhavo de la studaĵo sekvas detale la evoluon de la trakekspluato sur la menciita linio de Tanfield ĝis la nunaj tagoj kaj ferme ĝi konstatas, ke tiun ĉi fervojlinion oni povas do indiki la plej malnova fervojo de la mondo, kiu preskaŭ 300 jarojn partoprenis tre signifoplene la karbotransporton.
Estas necese ankoraŭ aldoni, ke en la nordbritia karboregiono, kie estiĝis multaj kaj plej malnovaj linioj de trakvojoj, konserviĝis ĝis nun ponta ŝtonarko el la jaro 1727. Ankaŭ ĝin uzis tiuspeca linio, kiun surveturadis karbtrajnoj al la transŝarĝejoj ĉe la riveroj. La ŝpuro de la fervojo estis 1,2 m. Verŝajne temas pri plej malnova ĝis nun konserviĝinta fervoja ponto de la mondo. En la jaro 1935 tiu ĉi konstruaĵo estis enskribita en la liston de britaj naciaj memoraĵoj.

---

La tradukinto aldonas: Karaj britaj kolegoj, ĉu ankaŭ vin interesas tiu ĉi artikolo? Ŝajnas al mi iom strange, ke en Esperantio estas publikigataj v i a j admirindaĵoj en duobla traduko — nome el la ĉeĥoslovaka revuo. Ĉu vi opinias ke tiuspecaj artikoloj ne interesas vian tutmondan kolegaron? Ĉu vi povus eble almenaŭ sendi al la redakcio bildon de tiu ĉi historie admirinda ponto aŭ eĉ fervojlinio?

## Vojaĝo en Hindio

La hindaj fervojaj instancoj konstatis, ke dum nur unu monato 1850-foje estas funkciigitaj la danĝerbremsoj en pasaĝertrajnoj. Multaj pasaĝeroj alkutimiĝis funkciigi la danĝerbremson ĝuste tiam, kiam la trajno preterpasas ilian vilaĝon.
Tamen la plej ekscita de ĉi tiu artifiko nur venas post la perforta haltigo de la trajno, nome: la pasaĝero devas pruvi kapablon rapidege forkuri, ĉar la trajnpersonaro postkuras kaj, kaptinte lin, severe punas lin per monsumo.

El „Das Flügelrad" 12/66
trad. Gi.

# Nia prezidanto emeritiĝis



*La adiaŭato kaj kelkaj adiaŭantoj*

Pruntis: „De Koppeling"

La 31a de januaro estis la lasta tago, ke nia prezidanto, s-ro K. G. de Jong iris al sia oficejo. Post 48-jara deĵoro li forlasis sian funkcion kiel ĉefinspektoro ĉe la Nederlandaj Fervojoj, por — kiel oni tion „oficiale" tiel bele diras — ĝui sian pension.

S-ro de Jong estas „denaska" fervojisto, t.e. ne nur la patro, sed ankaŭ lia patrino havis funkcion ĉe la fervojoj.

Ke kiel ŝatata estas s-ro de Jong ne nur ĉe siaj superuloj, sed ankaŭ ĉe tiuj, kies superulo li estis, tio estis klare rimarkebla dum la adiaŭa festo. Kelkcent personoj ĉeestis, por premi al li la manon kaj esprimi sian ŝaton per floroj aŭ alia donaco.

Ankaŭ ni deziras al nia prezidanto ĉion bonan por la pensiaj jaroj, kiuj vere ne signifas ripozon, sed nur liberiĝon de la deĵoro. Liaj aktiveco kaj amo al Esperanto kaj precipe al nia movado ja estas preskaŭ proverbaj; ankaŭ nun li senripoze vojaĝas al diversaj landoj, por plifirmigi la kontaktojn kaj disvastigi niajn ideojn kaj idealon.

## Korespondpetoj

**Polio.** Multe da anoj de la Fervojista Rondo ĉe Pola Esperanto Asocio en Wroclaw D.O.K.P., str. Joanitów nr. 13, dez. kor. kun gekolegoj el aliaj landoj.

Ĉe Studio de Belartaj Filmoj en Wroclaw fondiĝis Esperantista Rondo kun 96 anoj. Ili dez. kor. kun filmistoj. Skribu al: ul Wystawowa nr. 1, Wroclaw, Polio.

**Fotoamatoroj atenton! S-ro Václav Ružička, Krásnostudenecká 731/69, Děčin VI, Ĉeĥoslovakio,** dez. interŝ. sukcesintajn fotojn, duoblaĵon pri la 18-a IFEF-kongreso en Utrecht kaj pri la diversaj aranĝoj. Pecon kontraŭ peco. Nepre respondos kaj sendos al ĉiuj foton. La anonco validas ĉiam.

**Sovetunio:** S-ro Anatolij Chegodaev, Luganskaja obl., Komnarsk 4, Do Vostrebovania, US.S.R., Ukrainio, dez. koresp. kun ĉiuj landoj, pri ĉiuj temoj. Interŝ. poŝtkartojn, muziknotojn, E.revuon, fotojn, diskojn, magazinojn.

**Ĝuste antaŭ la presigo de nia revuo atingis nin la sciigo, ke nia fama verkisto Julio Baghy mortis. La partoprenintoj de la IFEF-kongreso en Budapest bone rememoras lian ĉiam afablan rideton. Ni sincere kondolencas la hungarajn geamikojn pro la perdo de „paĉjo".**

# El la landaj asocioj

**Aŭstrio**

Niaj kolegoj en Aŭstrio kaj en Italio estas tre diligentaj ne nur en la aranĝado de diversaj programeroj, sed — kaj tion nia redakcio mencias kun speciala danko — ili regule sendas siajn raportojn por nia revuo. Imitinda ekzemplo. Tiel atingis nin la jenaj raportoj:

**ZAMENHOF-festo en Salzburg**

okazis la 10an de decembro 1966.
En plena salono s-ano Buxbaum, estro de la AFEF-Sekcio Salzburg salutis la ĉeestantojn, speciale la gastojn el Bavario kaj 8 ges-anojn el Linz.
S-ano Dr. Altrichter, landjuĝeja prezidanto de Salzburg faris la festparoladon. Li parolis pri la vivo de d-ro Zamenhof kaj pri la plej gravaj okazaĵoj en la esp.-movado.
Per sonbendo estis disaŭdigata la esp.-himno.
S-ano Geroldinger el Linz montris siajn kolorfilmojn pri la ĉijaraj kongresoj de UEA kaj IFEF kaj pri la int. esp. skisemajnoj en Aŭstrio.



*Ankaŭ dum la pasinta jaro donacis niaj kolegoj el Bologna „Dopolavoro Ferroviaro" statueton de Neptuno, nun por la estraro.*
*Kiel konate, originalo de tiu ĉi statuo estas la ĉeflaboro de la belga skulptisto Johano de Donzi.*

**ZAMENHOF-festo en Linz (D.)**

la 15an de decembro 1966 okazis en la klubejo de la Linz-a esperantistaro.
S-ano Hollinger (estro de la grupo Estonto) salutis la ĉeestantajn gesamideanojn, speciale tiujn el Amstetten kaj St. Valentin.
S-ano dipl. inĝ. Tschom (estro de la AFEF — Aŭstria Federacio Esperantista Fervojista — ĉefsekcio Linz) faris la festparoladon.
Per disko oni aŭdigis esp.-kantojn.
S-ano dir. Mraz deklamis poemojn.
S-ano Geroldinger (gvidanta estro kaj sekretario de la AFEF-ĉefsekcio Linz) sciigis kelkajn novaĵojn kaj parolis pri la 20 jara ekzisto de la fervojista esp.-sekcio de Linz. Je tiu jubileo honorigoj estis disdonataj:

a) por membro-varbado (bronzan medalon ricevis la s-anoj dipl. ing. Tschom, Bürger kaj Wagner; arĝentan: s-ano Angermayr kaj oran: s-ano Geroldinger por 121 membroj varbitaj);

b) por vizito de minimume 5 int. kongresoj: entute 22 ges-anoj ricevis memorinsignojn (la s-anoj Angermayr, Bürger, Geroldinger kaj Teufelsbrucker por partopreno de 15 int. kongresoj). En ĉiuj medaloj kaj insignoj estas engravuritaj la nomoj kaj la kaŭzoj.

S-aninoj Geroldinger kaj Vormaier regalis la ĉeestantojn per kafo k.t.p.

**Italio**

La 16an de oktobro okazis granda Esperanto-manifestacio en Porretta Terme. La okazintaĵon anoncis grandaj, verdkoloraj afiŝoj, eldonitaj de la kultura sekcio Esperanto kaj de la Azienda Autonoma Cura e Soggiorno.
La kunvenon partoprenis multaj aŭtoritatuloj, i.a. la komunuma sekretario, la paroĥestro, la direktoro de la loka liceo, la ĉefo de la fervoja polico k.t.p.
Pli ol 30 gekursanoj aŭskultis atente la sekretarion de IFEA, s-ron Gimelli. D-ro Stoppolini, el Pistoia, parolis pri Esperanto ĝenerale kaj pri la atingitaj sukcesoj de nia movado en la lasta tempo. Li informis la ĉeestantojn pri la evoluo de la leĝprojekto n-ro 1816, kies aprobo ĉe la itala parlamento bonege marŝas.
Prof. Casagrande, kiel dua gvidanto de la kurso, donis klarigojn pri Esperanto. Senlace laboris pro la sukceso la s-roj Pivari, Buscaroli kaj Beltrandi.

**Italio**

La 18an de septembro okazis la jarkunveno de la Itala Fervojista Esperanto-Asocio „I.F.E.A."

Post rememorigo de la mortintoj d-ro Inĝ. Giuseppe Albonetti el Bologna, estrarano de la asocio kaj la membro s-ro Gerolamo Montagna el Voghera, oni konfirmis kiel honorajn membrojn lian moŝton adv. Raffaelo Bagnulo el Bologna kaj grafon kolonelon Antongiulio Fontanive Mazzaron di Pratalbo el Roma.

Delegito de IFEA ĉe IFEF kiel itala komitatano fariĝis Per. Ind. Germano Gimelli el Bologna; reprezentanto de IFEA, kiel Faka Asocio ĉe la estraro de Itala Esperanto Federacio elektiĝis komm. Francesco Domenico Ramolfo el Torino.

La estraro kaj kongresanoj decidis sendi al la Ĝenerala Direkcio de la Ŝtata Fervojo kaj al la Ministerio pri Transportoj peton pri:

1. aldono de esperantlingvaj klarigoj en la horaro de la italaj ŝtataj fervojoj, kiel jam tion faris pluraj eŭropaj kaj ekstereŭropaj landoj;
2. starigo de esperantaj kursoj por interpretistoj, vojaĝanta kaj informa personaro kaj por ĉiuj deĵorantoj, kiuj kontaktas kun eksterlandaj vojaĝantoj;
3. starigo de esperantlingvaj tabuloj en la ĉefaj stacidomoj por informi la eksterlandajn vojaĝantojn pri diversaj adresoj, kiel tion jam faris diversaj landoj kaj troviĝas en la itala stacidomo de Torino.




## La vojaĝpriskribaj filmoj

La plialtiĝanta intereso pri vojaĝoj alilanden, instigis ankaŭ la filmproduktan fakon, ke sur la filmekranoj kaj bildlumigiloj de TV riceviloj aperu pli da vojaĝpriskribaj programoj kaj filmoj kun temoj geografiaj. Televido en siaj filmoj prezentas sub titolo „La filmkamero survoje" kaj en aliaj programeroj vojaĝpriskribajn filmojn regule ĉiusemajne.

Tiuj mallongmetraĵaj filmoj estas do grava parto de ĉiu filmprezentado kaj ankaŭ en ili estas nuntempe ofte interesaj vojaĝ- kaj geografiopriskribaj filmoj de hejma kaj alilanda produktadoj. Tre ofte en ĉi filmoj aperas ankaŭ unikaĵoj kaj novaĵoj prifervojaj kaj ĉiu interesulo pri la mondvidindaĵoj de la fervojfako trovas ĉiam ion valoran kaj instruan. Planetario en Praha kaj Parko de Kulturo kaj Ripozo alportadas nuntempe regule la supre menciitajn filmojn.

Laŭ revuo „Železničář"
tradukis Ružička.

**Veturantaj instrumaŝinoj.**

Sukces-kvocienton de 90% atingis 500 studentoj, kiuj finis kursojn en transportebla permaŝina lernejo, kiu vizitis 12 lokojn en Britio. La komparebla kvociento de kursoj per normalaj instrumetodoj estas nur 50%. La veturilo, ekipita per brite fabrikataj instrumaŝinoj de 16 diversaj specoj, vizitis teknikajn, komercajn kaj plenaĝulajn lernejojn. La ekipaĵo inkluzivis instrumaŝinojn por individuoj kaj por grupoj, por lingvo-instruo kaj por legado.

**Miliardoj por trafiko**

Dum la lastaj kvin jaroj la laborefekto de trafiko en Ĉeĥoslovaka Socialista Respubliko pligrandiĝis je 18%. La fervojoj okupas gravan rolon sur ĉi tiu tereno, ĉar 78,8% de la trafiko estas prizorgata de la fervojoj. En la jaro 1970 la ĉeĥoslovakaj fervojoj transportos 256.250.000 tunojn da ŝarĝo. Tio estas preskaŭ 37 milionojn da tunoj pli ol en 1965, kiu validis en Ĉeĥoslovakio kiel rekorda jaro.

Ankaŭ la investadoj portrafikaj estos pli grandaj. Ĝis la jaro 1970 tio sumos 28 miliardojn da kronoj, t.e. 58% pli, ol dum ĉiuj kvinjaraj planoj kune. El tio rilatas la fervojojn sumo de 17,7 miliardoj da kronoj.

Andreo Tuŝer

# Internaciaj Fervojistaj Esperanto Skisemajnoj, Krimml



| 6a- | | 7a- |
|---|---|---|
| 11.-18.2.1967 | *KRIMML* | 18.-25.2.1967 |

kun partoprenintoj el 7 nacioj
dum la 6a: 44 pers. dum la 7a: 42 pers.

*Jen rezultoj de la konkuraj aranĝoj:*

a) skikonkuro (gajnintoj de la medaloj) 2 veturoj

*S-inoj:*

1. Riet Neerincx, Nl. 3.48.8; 2. Maria Ortmaier, A. 3.87.9; 3. Anny Namors, A. 4.38.3.

*S-roj:*

1. Richard Hable, D. 2.49.4; 2. Herbert Wagner, D. 2.53.6; 3. Fritz Ortmaier, A. 2.62.0.

*S-inoj*

1. Rosa Billmeier, D. 1.82.9; 2. Riet Neerincx, Nl. 1.95.3; 3. Christa Tanzer, D. 1.99.1.

*S-roj:*

1. Walter Oberli, CH. 1.58.0; 2. Horst Erben, D. 1.82.0; 3. Max Hollinger, A. 1.89.0.

Memormedalon ricevis: s-roj A. Blondeau, F; A. Eriksson, S.

b) Lingva konkuro (gajnintoj de E-libroj)

1. s-ro Hubert Bernier, F.; 2. s-ro Jean Riuviere, F.; 3. s-ro Jean Mevel, F.

1. f-ino Denise Fumeleau, F.; 2. s-ro Horst Erben, D.; 3. s-ro Roger Goncalves, F.; 4. f-ino Johanna Loibl, D.

Jen la juĝkomisianoj:

s-ro Andre Blondeau, F.; f-ino Jacq. Lhermitte, F., f-ino Riet Neerincx, Nl.; s-ro Ansholm Eriksson, S.
s-ro André Blondeau, F.; f-ino Riet Neerincx, Nl.; s-ro Anshelm Eriksson, S.; s-ro Günter Doliwa, D.; s-ro Max Hollinger, A.

La 6-an partoprenis ankaŭ la fervoja prezidanto de dir. Linz kun familio.

La organizanto: J. Geroldinger

## La fervojoj de Kubo jam profitodonaj

(El Rudé Právo, n-ro 328/66, trad. -eta)

De raportisto el Havana

Kubo estis la unua lando de Suda Ameriko, kie ene de la palmaroj sur vastaj ebenaĵoj oni ekvidis la fumumitan, pene spirantan „pezan, feran ĉevalon". Sed en la 30-aj jaroj de nia jarcento oni finkonstruis centralan ŝoseon kaj la aŭtomobiltrafiko, tipa por la sudo de la amerika kontinento, signifis la malprogreson de la Kubo-aj fervojoj spite la fakton, ke la lando estas la kvina laŭ la longo de la fervojreto. Nur Argentino, Brazilo, Meksikio kaj Ĉilio superas ĝin. Sed tiuj ĉi landoj ja estas multe pli vastaj.
En 1964 la fervojoj de Kubo, kiuj okupas 16000 laborulojn, notis malprofiton de 4,7 milionoj da pesoj. Sed jam en la jaro 1965 oni atingis puran profiton de 2,2 milionoj da pesoj. En la menciita jaro la Kubo-aj vartrajnoj efektivigis 1,3 miliardojn da tunkilometroj kaj 12,4 milionoj da Kubo-aj civitanoj uzis la pasaĝertrajnojn.
Nur unu fojon tiu ĉi laborplenumo de la fervoja vartrafiko estis tie superigita, kaj tio estis en la jaroj de la milito. Ĝi tamen estis nur escepto, ĉar tiam oni transportis preskaŭ la tutan sukerprodukton de Kubo per trajnoj en du havenojn, Havana kaj Santiago, por plifaciligi la elveturon de ŝiparoj kaj ties defendon kontraŭ la subakvaj ŝipoj de la malamiko.
En 1966 la ciferoj pri la laborplenumo de Kubo-aj fervojoj estis proksimume je dekono pli grandaj ol pasintjare kaj en la jaro 1967 oni planas jam 1,65 miliardojn da tunkilometroj.
La revolucia registaro vere multe penas por renovigi kaj modernigi la fervojaron. Lignaj ŝpaloj, kiuj kaŭze de la subtropika malsekeco eltenas apenaŭ tri jarojn, estas anstataŭigataj per ferbetonaj kaj la rapide rustantajn relojn oni anstaŭigas per sovetaj, kiuj estas pli rezistemaj. USSR liveras ankaŭ 40 novajn dizelelektrajn lokomotivojn de laborpovo po 1000 HP, pluajn 30 po 800 HP Kubo aĉetis en Francio kaj 10 po 2500 HP en Britio.
Baldaŭ pluaj klimatumaj granddistancaj FIAT-motortrajnoj, kiuj nun kunligas Havana kun Camagüey kaj Holguin, aliĝos sur novaj linioj al Santiago, Cienfuegos kaj Nuevitas.
Estas merito de la revolucia registaro, ke la fervojoj de Kubo revekiĝas al nova vivo.

## Lokomotivoj por alterna kurento por SSSR

Laboruloj de Plzen pretigas lokomotivojn por pli altaj rapidecoj.
Du ĉeĥoslovakaj lokomotivoj, konstruarанĝitaj speciale por pli alta rapideco ol havas lokomotivoj liverataj laŭserie al SSSR, surprizis agrable la konstruantojn de la faka uzino Plzen.
Sur la fervojlinio Leningrad-Moskvo atingis tiuj lokomotivoj maksimalan rapidecon sur kelkaj liniopartoj de 207 km/hore.
Reprezentanto de la konstrugvidanto en uzino Elektraj lokomotivoj ŠKODA, Karolo Řeřicha diris pri ĉi tiu sukceso jenon:
„Dumaj rekordoj de ĉeĥoslovakaj lokomotivoj por alterna kurento en SSSR ne estas unucelaj. Sovetaj fervojistoj provkontrolis per niaj lokomotivoj la rapidvagonojn por pli altaj rapidecoj, relŝanĝilojn de nova konstrukcio, la fervojsupraĵon k.s."
Al lokomotivfabriko en Plzen servos la rezultoj kiel bazo por projektado de lokomotivoj povantaj atingi rapidecon de 200 - 250 km/hore. Sed atento de nia uzino celas nun la serion de dek sesaksaj lokomotivoj por soveta alterna trako.
Temas nome pri unuaj lokomotivoj por alterna kurento, kiujn ni komencas liveradi al sovetaj fervojoj. La novaj lokomotivoj havas trafikrapidecon de 160 km/hore kaj ĝis nun plej altan funkcion kian iam la elektraj lokomotivoj ŠKODA havis — 5100 kilovatoj.
Ilia plej granda preferaĵo estas trafikebleco en variaj klimatkondiĉoj en varmodiferenciĝo de pli ol 100 gradoj de Celsius.

Laŭ taggazeto „Rudé právo"
esperantigis Růžička V.

# UEA KAJ UNESKO NOVAĴOJ

**Edukministroj raportas pri analfabeteco kaj lingvo-instruado**

Edukministroj kaj altrangaj oficuloj el pli ol 80 landoj raportis en Ĝenevo de 12 ĝis 23 julio pri la nuna stato de la edukado en la respektivaj landoj.
Informoj pri la jaro 1964-5 montris, ke en 22 landoj, kie edukado estas deviga, preskaŭ tute ne plu ekzistas analfabeteco. En 62 aliaj landoj tamen la analfabeteco restas la plej grava obstaklo al ekonomia, socia kaj kultura evoluo. En iuj kazoj ĝis 85% de la loĝantaro estas analfabeta, kaj ĉe virinoj la proporcio ofte atingas ĝis 95%.
Pri modernaj lingvoj: ĉiuj 85 landoj, kiuj respondis enketon de la Internacia Oficejo pri Edukado, deklaris, ke modernaj lingvoj estas devige instruataj en iliaj duagradaj lernejoj. Ĉe la plimulto temas pri nur unu lingvo; en 29 landoj oni instruas du lingvojn, kaj en kvin aliaj tri lingvojn devige. En 46 landoj la instruado de fremdaj lingvoj komenciĝas en elementaj lernejoj, kaj en kelkaj, eksperimente, en infanvartejoj. (Laŭ Unesco Features kaj Informa Servo de UEA).

**Gravaj fosili-eltrovoj en Ĉado**

Fosilia skeleto de „stegodono", primitiva speco de elefanto, kiu laŭsupoze atingis Afrikon el Azio dum la kvaternara periodo, malkovriĝis en Ĉado, ĉ. 500 mejlojn (800 km) de Fort Lamy. Laŭ la formo de kranio oni povas konjekti, ke la besto havis kvar dentegojn, el kiuj la malsupran paron ĝi povis uzi por elradiki arbojn. Aliloke, la sama grupo de sciencistoj, kies laboron pagas la ĉada registaro, elterigis restaĵojn de 25 aliaj specioj apartenantaj al la sama periodo. Ĉiujn ĉi fosiliojn elmontros la naturhistoria muzeo konstruota apud Fort Lamy. La Nacia Instituto de Ĉado havas jam fosili-sekcion, kaj faka biblioteko estas kolektata. Pro la multeco de la fosili-restaĵoj sur ĉada teritorio facile povas esti, ke Fort Lamy konatiĝos kiel internacia centro de paleontologiaj esploroj.

**Nova specio de foko trovita en Sovetunio**

Nova — la 33-a — specio de foko aperis ĉe la insulo Ĉikoten en la Kuriloj norde de Japanio. La nova specio estas nigra kun blankaj strioj. (Laŭ Unesco Features kaj Informa Servo de UEA).

**Metaloido povas esti grava faktoro en vidakreco**

Selenio, metaloido uzata en la fabrikado de fotoelektraj ĉeloj, kiuj ŝanĝas lumon en elektrimpulsojn, ludas esencan rolon en la vidado, laŭ sveda biologo, d-ro M. J. Sirén, en la Lernejo de Veterinara Medicino en Stokholmo.
D-ro Sirén eltrovis, ke la kvanto de selenio en la retino estas proporcia al la vidakreco. Ĉe la kobajo, kiu havas malbonan vidkapablon, la procento de selenio en la retino ne superas tiun de la aliaj histoj — ĉ. 0,001%. Ĉe la kapreolo kaj la ŝterno, konataj pro sia tre akra vido, ĝi estas centoble pli granda — 0,1%.
Laŭ la nova teorio, mikroskopaj seleniaj lumriceviloj troviĝantaj en la eksteraj finaĵoj de la retinaj bastonetoj ŝanĝas la fotonojn (lumerojn) en elektrajn impulsojn. Ĉi tiuj, siavice, komunikiĝas al la cerbo, kiu interpretas ilin kiel lumon. Iuj riceviloj akceptas nur bluan lumon, aliaj nur verdan, aliaj ankoraŭ nur ruĝan — depende de la organikaj koloraĵoj, kiujn ili enhavas. Laŭ la eksperimentoj de d-ro Sirén, rodopsino („retina purpuraĵo") ludas rolon nur dum krepuska vidado.
Li nun intencas fari eksperimentojn per radiografia difrakto por konstati la kristal-strukturon de la selenio en la retino. (Laŭ Unesco Features kaj Informa Servo ed UEA).

# KIEN en 1967

| | |
|---|---|
| 8.4 | Jarkunveno de Svisaj Ferv. Esperantistoj, Olten, Svisio |
| 28.8 — 3.5 | Int. Jun. Seminario, Torun, Polio |
| 29.4 — 10.5 | Int. Ferioj, Pula, Jugoslavio |
| **6 5 — 13.5** | **IFEF-Kongreso, Fulda, Germanio** |
| 12.5 — 15.5 | Franca Kongreso en Calais, Francio |
| 13.5 — 15.5 | BEF-Kongreso en Charlerois, Belgio |
| 13.5 — 15.5 | Esperanto Kunveno en Norg, Nederlando |
| 13.5 — 15.5 | Sveda Esp. Federacio, Norrköping |
| 13.5 — 16.5 | Germana Kongreso en Hamburg, Germanio |
| 26.5 — 29.5 | Brita Kongreso en Glasgow, Skotlando |
| 2.6 — 4.6 | Renkontiĝo-seminario en Plzen, Ĉeĥoslovakio |
| 12.6 — 20.6 | Kongreso de Intern. Ferv. Kontraŭalkohola Asocio, Järvenpää, Finnlando |
| | Inf. donas Matti Voltti, Temppelikatu 25 B 47, Helsinki 10 |
| 30.6 — 2.7 | Kanada Kongreso, Trois Rivières |
| 1.7 — 9.7 | Renkontiĝo en Poděbrady, Ĉeĥoslovakio |
| | Intern. Esp. Ŝakturniro, Poděbrady |
| 2.7 — 10.9 | Kultura Sezono en Grésillon, Francio |
| 3.7 — 9.7 | Ornitologia Semajno, Woumen, Belgio |
| 7.7 — 10.7 | Kultura Festivalo, Opava, Ĉeĥoslovakio |
| 8.7 — 15.7 | Somera Universitato, Gyula, Hungario |
| 17.7 | Turista Festo, Monto Vitoŝa, Bulgario |
| 22.7 — 29.7 | KELI-Kongreso, Torre Pellice, Italio |
| 23.7 — 30.7 | Eŭropa Kongreso, Innsbrück, Aŭstrio |
| 23.7 — 30.7 | Internaciaj Feriaj Kursoj, Helsingör, Danio |
| 29.7 — 5.8 | SAT-Kongreso, Malmö, Svedio |
| 29.7 — 9.8 | Balta Tendaro, Vilnius, Litovio |
| 31.7 — 12.8 | Int. Feria Seminario de Blindaj Esp., apud Köln, Germanio |
| 2.8 — 9.8 | UEA-Kongreso, Tel Aviv, Israelo |
| 9.8 — 16.8 | TEJO-Kongreso, Natanja, Israelo |
| 10.8 — 20.8 | Internacia Pedagogia Seminario, Szeged, Hungario |
| 18.8 — 20.8 | STELO-Kongreso, Torun, Polio |
| 19.8 — 29.8 | Eŭropa Junulara Konferenco, Enkhuizen, Nederlando |
| 20.8 — 28.8 | Turisma Junula Kunveno, Bydgoszcz, Polio |

**Ĉion, kio koncernas la revuon, ankaŭ la interŝanĝnumerojn, sendu al la redakcia adreso: Burgler, Amsterdam, Sportstraat 62.**
**Tro da tempo perdiĝas pro malĝusta adresigo.**



Esperanto-Presejo, Hardinxveld